# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"
SEPTEMBRO 1910
Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
REDAKCIO--RUA SETE DE SETEMBRO N. 195
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ENHAVO



Rio de Janeiro -- Brazilio

GRUPOJ ESPERANTISTAJ

*1906*—Marto—G. E. Suda Stelaro—Campinas.
Junio—Brazila Klubo «Esperanto»—Rua Sete Setembro, 195, Rio.
Septembro—Esp. Societo Sud-Rio-Granda—Rua Sete de Setembro, Porto Alegre.
Oktobro — G. E. de Niteroi — Rua Marquez do Paraná, 69, Niteroi.
Decembro — Grupo Esperantista Laboristaro — Rua do Hospicio, n. 145, 1º Rio.
*1907* — Majo — Esperanta Petropolisa Grupo — Petropolis.
Majo—G. E. Cachoeiro de Itapemirim—Espirito Santo.
Julio—Espero Katolika—Libero Badaró, 40, S. Paulo.
Augusto—*G.* Matena Stelo—Avenida Intendencia n. 193, S. Paulo.
Septembro—Esperanto-Klubo—Aracajú, Sergipe.
Septembro — G. Espero (virina), Rua Verediana, 10 A, S. Paulo.
Novembro — G. Juna Esperantisto — Rua Veridiana, n. 10 A, S. Paulo.
Novembro—G. E. de Pouso Alegre, Minas.
*1908*—Marto—G. E. de Bom Jardim, E. do Rio.
Majo—G. E. de Villa Nova de Lima, Minas.
Junio—Brazila Espero (virina grupo) Campinas.
Decembro—Esperantista Klubo de Uberaba, Minas.
*1909*—Februaro—Amparo Esperanta Klubo, Estado S. Paulo.
Marto — «Esperantistinaro» de Guaratinguetá, Estado S. Paulo.
Aprilo—Grupo «Zamenhof», Queluz, S. Paulo.
Junio—Nova Sento—Cruzeiro, S. Paulo.
Junio—Alagoas Esperanto-Klubo—Maceió.
Julio—Grupo Esperantista «Antauen». Palma, Minas Geraes.
— «Norda Matena Stelo, Tamoyos n. 41 B. Belém, Pará.
*1910*—Majo—Centro Esperantista de Cataguazes. Minas Geraes.
Majo—Brazila Komitato Esperantista. Parahyba do Norte.

---

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Unuiĝo kreas forton

A' Brazila Ligo Esperantista (Liga Esperantista Brazileira) cuja directoria é annualmente eleita pelos Congressos, tem por fim dirigir a propaganda do esperanto no Brazil em questões de interesse geral, proceder a exames de esperanto, dar diplomas de professores, auxiliar os grupos e representar em qualquer emergencia a opinião dos esperantistas brazileiros.

Séde—Rio de Janeiro, rua Sete de Setembro, 195.

Cotisação annual. Cada grupo que ahderir paga 10$ por anno e elege um delegado, de preferencia residente no Rio de Janeiro. Pode o Grupo escolher mais de um delegado, pagando nessa hypothese 10$ por cada um.

Qualquer pessoa pode isoladamente adherir à Liga, pagando a annuidade de 5$. Não ha joia.

Vantagens. Os grupos que adherirem á Liga gozarão das seguintes vantagens :

*a*) Recebem o «Brazila Esperantisto» para os socios com abatimento de 20 °|. do preço da assignatura annual ;

*b*) Por intermedio dos seus delegados são informados das decisões da Directoria da Liga, nas quaes tomam parte ;

*c*) Gozam de Abatimento nas edições da Liga e nas encommendas que por meio della fizerem de quaesquer obras esperantistas ;

*d*) Recebem da Liga todo o auxilio que esta lhes puder prestar, em beneficio da propaganda e diffusão do esperanto ;

*e*) Podem publicar no orgão official da Liga informações mensaes sobre o movimento esperantista local.

Nota.—*A Liga não intervem em assumptos referentes á vida interna dos grupos filiados, podendo estes agir livremente de accordo com os fins para que foram creados.*

Das vantagens *c*, *d* e *e* gozam tambem as pessoas que adherirem isoladamente á Liga, as quaes recebem o Brazila Esperantisto».

A relação dos grupos filiados e das pessoas que adherirem á Liga será publicada no «Brazila Esperantisto» e no «Brazila Adresaro» a apparecer brevemente.

Chamamos a attenção das directorias dos grupos esperantistas e de todos os bons *samideanoj* maxime os que não fazem parte de grupos locaes, para a conveniencia da adhesão á Liga, conforme o voto emittido pelo 3.º Congresso Brasileiro de Esperanto.

As pessoas que adherirem á Liga devem utilisar o seguinte boletim :

BRAZILA LIGO ESPERATISTA
BOLETIM DE ADHESÃO
1910

*Nome*..........

*Profissão*..........

*Endereço*..........

..........

*Data e assignatura*..........

..........

Escrever legivelmente e remetter, com a importancia da adhesão, sob registro ou vale postal, ao sr. Edmundo Tribouillet, thesoureiro, rua Sete Setembro 195. O remettente receberá o cartão de membro da Liga, e o «Brazila Esperantisto.»

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello Souza, 1º Secretario, rua Sete Setembro 195.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

3-a. Jaro — SEPTEMBRO 1910 — Numero 3

| JARABONO | Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente | |
|---|---|---|
| En Brazilio 3$000 | REDAKCIO -- RUA SETE DE SETEMBRO, 195 | Specimeno 0,fr 50(0,Sm20) |
| Eksterlande 5.fr. (2, Sm.) | RIO DE JANEIRO — BRAZILIO | Num. avulso 300 réis |
| | | Helpabono 10$000 |


## 3ª BRAZILA KONGRESO

PETROPOLIS



La estraro de l'Kongreso.
(Kliŝo de *Fon! Fon!*)

## Vana Espero

Somero alvenis,
Per floroj nin benis,
Varmega la tero
Kaj viva l'espero!

Nun ridas la suno
Al ni de l'aŭtuno
Sed ĉiel nur ploroj,
Malgajaj la koroj!

Ho, kial vi plendas?
Ni fruktojn atendas,
Sed nuda la tero —
Kaj vana l'espero!

Tamen!

Laboro senlaca,
Persista kaj paca,
Nun kvazaŭ nur prove
Penadas denove.

Kun timo kaj tremo,
Per diligentemo
Proksiman la jaron
Ni trovas fruktaron!

*Marie Henkel*

*(Literatura Almanako)*

# CONCURSO DE ESPERANTO PARA A PUBLICAÇÃO DA

# ANTOLOGIO BRAZILA

Alguem que muito se interessa pelos progressos do Esperanto no Brasil e pela disseminação de literatura brasileira fóra do nosso paiz, resolveu abrir um concurso entre os esperantistas para a publicação em esperanto, de uma "Anthologia", de autores nacionaes.

A este certamen poderão concorrer todas as pessoas que assim o queiram, sem necessidade de apresentação de quasquer diplomas ou certificados de estudos.

## CONDIÇÕES

O concurso consiste na traducção de um conto, capitulo de romance, trecho de discurso, scena dramatica, obra scientifica ou poesia, de extenção nunca superior a cinco paginas (nem inferior a duas para os trabalhos em prosa) de autor brasileiro de nomeada.

O concurrente pode escolher a seu bel-praser quer o escriptor, quer o trecho a ser vertido, sendo porem indispensavel que este seja de valor literario.

A pagina será 35 linhas com 50 letras cada uma.

A traducção deve ser escripta em boa caligrafia, de um lado só do papel, a tinta, assignada por um pseudonymo e remettida em enveloppe fechado ao sr. presidente da BRAZILA LIGO ESPERANTISTA, rua 7 de Setembro 195, Rio de Janeiro, até o dia 31 de Janeiro de 1911; em sobrecarta fechada contida no mesmo enveloppe deve vir o nome e endereço do concurrente.

Todos os trabalhos recebidos terão julgamento, publicando-se o resultado pela imprensa.

## PREMIOS

**Ao primeiro classificado será entregue a quantia de 100$000**

**Ao segundo e terceiro classificados será entregue a quantia de 20$000**

**A todos os demais, cujos trabalhos forem aproveitados na publicação do livro, serão dados direitos autoraes proporcionalmente aos trabalhos publicados, direitos esses pagos de accordo com o contracto lavrado com o editor.**

*ADVERTENCIA*

O praso será improrogavel. Cada concurrente poderá sob o mesmo pseudonymo apresentar mais de um trabalho.

As pessoas que tiverem duvida sobre o autor ou trecho a escolher queiram pedir esclarecimentos á Directoria da BRAZILA LIGO ESPERANTISTA.

**A partir do n. 5, o «Brazila Esperantisto» publicará informações somente dos grupos ou clubs que o auxiliarem pecuniariamente ou forem filiados á Brazila Ligo Esperantista.**

# ĈIUTAGAJ FRAZOJ

| *Demandoj kaj respondoj* | *Perguntas e respostas* |
|---|---|
| Kiu estas tie? | Quem está ahi? |
| Estas sinjoro F. | E' o Sr. F. |
| Venu ĉi-tien, mi bezonas paroli al vi. | Venha cá, preciso fallar-lhe. |
| Mi havas du vortojn por diri al vi. | Tenho que dizer-lhe duas palavras. |
| Aŭskultu min. | Ouça-me. |
| Per kiu mi povas servi al vi? | Em que posso servil-o? |
| Mi ne parolas al vi. | Não fallo com o senhor. |
| Kion vi diras? | Que diz o senhor? |
| Mi nenion diras. | Eu não digo nada. |
| Ĉu vi aŭdas, kion mi diras? | Ouve o que eu digo? |
| Ĉu vi komprenas min? | Comprehende-me? |
| Ĉu vi povas bonvoli ripeti? | Pode fazer-me o favor de repetir? |
| Mi bone komprenas vin. | Comprehendo-o bem. |
| Kial vi ne respondas al mi? | Porque não me responde? |
| Ĉu vi parolas esperante? | O senhor falla Esperanto? |
| Mi komprenas iom, sed mi ne parolas. | Comprehendo um pouco, mas não fallo. |
| Parolu pli laŭte. | Falle mais alto. |
| Ne parolu tiel laŭte. | Não falle tão alto. |
| Kiu diris tion al vi? | Quem lhe disse isso? |
| Oni diris al mi. | Disseram-me. |
| Iu diris tion al mi. | Alguem m'o disse. |
| Kion vi volas diri? | Que quer dizer? |
| Kio estas tio? | Que é isto? |
| Kion vi deziras? | Que deseja? |
| Ĉu mi povas fari al vi demandon? | Posso fazer-lhe uma pergunta? |
| Kial ne? | Porque não? |

*(Kolektis F.)*

**DEK KONSILOJ DE JEFFERSON POR LA PRAKTIKA VIVO.**— 1. Prokrastu neniam ĝis morgaŭ, kion vi povas fari hodiaŭ.

2. Ne trudu al alia persono laboron, kiun vi mem povas plenumi.

3. Ne elspezu monon pli frue, ol vi ĝin posedas.

4. Aĉetu neniam tion, kion vi ne bezonas.

5. Evitu la fieron, ĝi malutilos vin pli multe, ol la malsato, soifo kaj malvarmo.

6. Neniam bedaŭru, ke vi tro malmulte manĝis.

7. Kion vi faras, faru volonte.

8. Ne maltrankviliĝu pri la malbonoj, kiuj okazos neniam.

9. Rigardu la aferojn ĉiam de ilia bona flanko.

10. Kiam vi koleras, kalkulu ĝis dek antaŭ kiam vi parolos; se vi estas tre kolera, kalkulu ĝis cent.

(El «Unua Legolibro» de Kabe)

## KONKURSO DE ESPERANTO

Je la 30 a de Aŭgusto estis fermita la konkurso de *Gazeta de Noticias*, la konata ĵurnalo de Rio, por traduko en Esperanto de bela teksto en prozo de la glora brazila verkisto Coelho Netto.

La nombro de konkurintoj superis 50, ĉiuj plenumintaj la kondiĉojn postulitajn por la konkurso.

Estas elektitaj kiel juĝontoj por la konkurso, la konataj samideanoj droj Reinaldo Geyer kaj Couto Fernandes, ĉi-tiu lasta membro de Lingva Komitato.

La plej bonan tradukon ni publikigos en nia proksima numero kaj al la tri unuaj venkintoj, Brazila Ligo donos premiojn.

## LA BAPTOFILO DE MORTO

(LEGENDO DE L'NORDO DE BRAZILIO)

*Al mia eminenta amiko*
*Dro. Everardo Backheuser.*

Malriĉa homo, ŝarĝita je arego da gefiloj, jam estis baptano de tiomaj konataj personoj kiomaj ekzistis en la loko. Okaze de la naskiĝo de l'lasta infano la patro troviĝis en gravaj embarasoj kaj diris :

—Mi nur volas scii al kiu mi devas nun inviti!

La edzino respondis:

—Atentu : kiam vi eliros en la straton, invitu al la unua pasanto.

En la tago sekvinta, frumatene, la viro eliris kaj ekpromenis tra l'vojo ; post iom, grize vestita virineto, vizaĝeto tre gaja, aperis el la kontraŭa flanko kai sin turnis al li :

—Ho, jam tiel frue sur la strato ?

—Mi ekserĉas baptopatrinon por mia filo; oportune, ĉu vi volas akcepti ?

—Tre bonvole, nur diru al mi kiam estos la bapto.

—Morgaŭ, matene se konvenas al vi.

—Nu : ĝuste mi traktos morgaŭ kelkajn aferojn en la proksima vilaĝo kaj mi estos ĝustahore ĉe vi.

—Kiel vi estas nomata, sinjorino baptanino ?

—Mi estas Morto—respondis la virino, kun ekrido, kaj ĉi tion dirinte, ŝi adiaŭis per ekkliniĝo de kapo kaj daŭrigis sian vojon.

En la alia tago ŝi aperis je la konsentita horo kaj portis la infanon en la baptujon. Posti ŝi diris :

—Kiam ĝi estos dekkvarjara mi revenos ĉitien kaj tiam vi ne plu necesos zorgi pri mia baptofilo; estos li, kiu zorgos pri vi.

La gepatroj,tre kontentaj pro tiu notico dankis kaj Morto forkomplimentis.

Kiam la knabo fariĝis dekkvarjara, Morto aperis, lin kondukis al la arbaro kaj diris al li :

—Mia kara baptofilo, nun mi ekfaras el vi medicinistion la plej lertan en la mondo ; bone aŭskultu kion mi diros. Ĉiam kiam vi enironte en domon por ekzameni malsanulon, vi min vidos starantan apud la litkapo, vi povos konvinke diris : —Tiu-ĉi malsanulo ne saviĝos. Sed,se vi min vidos en la kontraŭa ekstremo de l'lito, do vi donos kiel resanigilon, fluidon kunfaritan el lakto kaj tri eroj da salo. Post tri tagoj la persono estos resanigita.

La knabo dankis al sia bona baptopatrino kaj eklaboris sian profesion per granda agemeco.

Li ne malfruis akiri grandan famon kaj, sam tempe beletan riĉaĵon. Eĉ li estis vokata por kuraci la filinon de l'reĝo kaj, ŝin kuracinte, oni pagis al li tre malavare la laboron.

La reĝo mem malsaniĝis je malnova kaj malfacilkuraca malsano, sed, vokite, la juna medicinisto sukcesis lin ankaŭ kuraci kaj en tiu fojo li ricevis la duoblon de la mono, kiun oni pagis al li por la resanigo de l'filino.

La tiel fama kuracisto estis, tiatempe, fariĝinta viro.

Tagon, kiam li promenadis tra l'arbaro, li renkontis sian baptopatrinon,

Ĉi-tiu lin akompanis dum la promenado ĝis kiam ili alvenis antaŭ vojkruciĝon.

Tie, Morto haltis kaj diris : —Nun mi iras dekstren, vi sekvu maldekstran vojon ; estas por via bono ; baldaŭ ni revidiĝos.

La medicinisto demandis :

—Sed kien vi iras ?

—Mi iras hejmen, ĉar mi havas multon por fari, respondis Morto.

—Do, mi iras kun vi, bona baptopatrino— diris la medicinisto—tial ke ankoraŭ mi ne vidis la lokon, kie vi loĝas.

Sed Morto penis lin deturni el lia celo kaj ŝi amplene petis,ke li sekvu alian vojon.

Siafoje, la medicinisto ne volis konformiĝi kaj tiom insistis, ke Morto fine al li diris :

—Nu : vi povas iri kun mi ĝis la pordo de mia kastelo, sed mi ne konsentos pri via eniro.

Apude, ili marŝadis kaj post iom alvenis en beletan straton, larĝan kaj glatan, kiu entendiĝis tra l'arbaro antaŭen.

Tie, en la finiĝo, estis bela kastelo kun ĉiuj fenestroj fermitaj.

Je la eniro de l'sama, Morto sin turnis al la medicinisto per ĉi-tiuj vortoj :

—Nun, mia amata baptofilo, mi vin petas, ne insistu plu; reiru, mi petas.

Sed, ĝuste en ĉi tiu momento la medicinisto sentis kuriozemon kaj forte volis koni la internan aspekton. Spite la petoj de Morto, li ne volis reiri kaj penadis eniri en la kastelon de Morto.

La unua impreso, tuj kiam li eniris, estis ke tie regnis plena malheleco ; sed, post momento, li ekvidis, pli antaŭe, aron da malgrandaj lumoj.

—Kion signifas tio?!—demandis la kuracisto tre mirigita.

—Tio estas la lumoj de la homaj vivoj.

—Kie estas la mia ?—demandis la medicinisto.

—Ne volu scii, estas pli bone ignori; kontraŭdiris Morto. Tamen, la medicinisto tiom ŝin turmentis, ke fine ŝi cedis kaj montris al li lumon tiel malgrandegan, kiu estis preskaŭ estingiĝanta.

—Kaj nun mi volas, ke vi eliru kaj vin malfruigu nek momenton por ke mi ne devu ekzerci mian funkcion sur vian personon ĉi-tie mem.

Ŝi lin eligis kaj rekondukis rapide en l'arbaron.

La medicinisto iris tuj hejmen kaj en la sama tago malsaniĝis serioze.

Nokte, li vekiĝis. Trakurante la ĉambron per la vido, renkontis Morto ĉe la kapujo de l'lito.

La medicinisto turniĝis rapide; li ŝanĝis sian

kapujon en la alian flankon de l'dormomeblo, alturnante la piedojn al Morto. Sed, ĉi-tiu iris trankvile al la alia ekstremo; la medicinisto reŝanĝis sian pozicion kaj tiel faradis ĝis mateniĝo.

Tiam Morto, spite sia tuta boneco kaj ĝentileco, laciĝis kaj diris:

—Nur vi donas al mi pli por fari ol ĉiuj personoj al kiuj de la tempo de Adamo mi venas serĉi en tiu-ĉi mondo; nu, disiĝu ni kiel bonaj amikoj. Diru al mi, ĉu vi volas ankoraŭ vivi la hodiaŭan tagon, mi tion al vi lasos bonvole.

—Mi nur volas la necesan tempon por preĝi «Patro Nia'n»—respondis la medicinisto.

—Bone, konsentis Morto.

Tiam la kuracisto komencis:

—«Patro nia, kiu estas...» bone, mia baptopatrinon, ĝi sufiĉas por hodiaŭ. Nun mi daŭros kvindek jarojn finonte la preĝon.

Morto ridis kaj diris;

—Bone, bone, sed de hodiaŭ antaŭen mi neniam lernigos mian arton al medicinisto.

Rio de Janeiro.

*Alekso Fanzeres.*

---

# Regulamento dos exames de Esperanto

Ha duas especies de diplomas: —

Um para o uso dos que desejam simplesmente um certificado do seu conhecimento e de terem cursado as aulas de Esperanto: *Certificado de Estudos* (Atesto pri Lernado,) conferidos pelos clubs filiados e ratificado pela Brazila Ligo Esperantista, à vista de copia da acta de exames.

O outro para os que desejam abrir cursos ou ensinar o Esperanto, sob responsabilidade de uma autoridade competente na lingua: *diploma de Profesor* (Profesoro Aprobita), conferido unicamente pela *Brazila Ligo Esperantista.*

### CERTIFICADO DE ESTUDOS

#### Provas

O exame para o Certificado de Estudos constarà de uma prova escripta e outra oral.

*Prova escripta: A*) Traducção para o Esperanto de um texto de cinco phrases, tiradas da grammatica ou livro de exercicios adoptados no curso, ou de accordo com o vocabulario desses dous livros.

B) Um dictado de 8 a 10 linhas.

*Prova oral:* Leitura e traducção para o Portuguez de um texto tirado do livro de leitura seguido no curso.

O candidato deve estar apto a responder às questões *elementares* de grammatica, que lhe sejão propostas.

#### Examinadores

A banca examinadora serà composta do professor do curso e de dous membros da Directoria do Club ou seus representantes.

As actas de exame serão lavradas em livro especial, que ficarà no archivo do Club.

Findo qualquer exame serà remettida copia do termo à *Brazila Ligo Esperantista*, que expedirà os diplomas.

*Nota:* — O candidato que não tiver assistido nenhum dos cursos mantidos pelos Clubs, poderà ser inscripto em qualquer banca de exames que funccionar na occasião.

#### Taxa de Exames

A inscripção para o exames serà livre. A retirada do diploma custarà 2$000.

Este diploma serà passado pela B. L. E. e entregue ao candidato pelo Club ou Grupo filiado. Para isso o Club, junctamente com a copia das actas, deverà remetter à *Liga* 50 o|o da importancia dos diplomas requeridos.

Os diplomas serão assignados pelos Prezidentes da Brazila Ligo e do Club e pelo Professor do curso.

### DIPLOMA DE PROFESORO APROBITA

#### Provas

O exame para *Profesoro Aprobita* consta de provas escriptas e oraes.

*Provas escriptas:* A) Traducção para o Portuguez de um texto sob dictado, atè 20 linhas, tirado do *Fundamenta Krestomatio*, do *Esperantaj Prozaĵoj*, ou de uma obra analoga de bons escriptores; *B*) Traducção para o Esperanto, de um texto atè 15 linhas, sob dictado, de um escriptor nacional. Esta traducção poderà ser substituida por uma *descripção* ou uma carta feita em Esperanto.

Em nenhuma destas provas o candidato poderà consultar livro ou notas particulares.

*Provas oraes:* A) Leitura, explicação e traducção de um texto qualquer de um bom auctor esperantista; B) Narração e resumo, em Esperanto, do texto lido, seguido de uma pequena conversação nessa lingua; C) Exposição dictatica, na pedra, de dous pontos tirados à sorte, dentre os do programma da grammatica, annexo a este regulamento.

Serà considerado reprovado, o candidato que não conseguir a mèdia 3, sendo cada uma das provas cotadas de 0 a 5.

*Nota:* — Ninguem poderà prestar o exame para *profesoro.* sem apresentar o *atesto pri lernado.*

#### Banca Examinadora

Quando no Rio de Janeiro, a banca examinadora serà composta de 3 membros da Directoria da Brazila Ligo Esperantista, ou de *professores* por Ella nomeados.

Quando o exame tiver logar nos Estados, os examinadores serão, especialmente e de cada vez, nomeados pela *Liga*, comtanto que, pelo menos, um delles seja *profesoro aprobita.*

#### Taxa de Exames

O candidato, no acto da inscripção, pagarà a quantia de 5$000.

A acta dos exames serà lavrada num livro especial, guardado no archivo da *Liga.* Quando nos Estados, se lavrarà um termo, em papel da Liga, que serà remetido pelos Examinadores à *Secretaria*, onde ficarà archivado.

O diploma serà conferido pela *Brazila Ligo Esperantista*, assignado pelo Prezidente e o 1.º Secretario.

---

### Certificado por Correspondencia

Para o candidato residente longe da sède do Club e Grupos filiados foi creado um *Certificado de Estudos por Correspondencia.*

A prova de exame constarà de traducção para o Portuguez, de texto facil atè 10 linhas, tirado do Fundamenta Krestomatio e de versão para o Esperanto de um outro texto, tambem facil, da Anthologia Nacional, em uso nos Gymnasios.

A taxa para esses exames serà de 3$000, sendo 2$000 no acto da inscripção, para receber os textos, e 1$000 do diploma, pagos estes ultimos depois de obtida a aprovação.

Os textos serão examinados por tres *professores* nomeahos pela Directoria da *Liga.*

*Nota*: Não ha exames para *Profesoro Aprobita* por correspondencia.

---

Nos exames para *professores* não haverà graùs de approvação; o candidato serà, unicamente, *aprobita* ou *neaprobita.*

*Disposição Transitoria*

Nos lugares onde ainda não exista *profesoro aprobita*, este titulo serà dado a pessôa de reconhecida competencia que o requerer atè 30 de Junho de 1911, mediante provas especiaes e a juizo da Directoria da Brazila Ligo Esperantista.

# KRONIKO

Ni tre insiste petas al ĉiuj grupoj kaj izolitaj samideanoj, ke ili bonvolu sendi al ni monatajn raportetojn pri la movado de Esperanto en ilia loko.

ŜTATO PARA'.— «Provincia do Parà», ŝatinda ĵurnalo, daŭrigas publikadi informojn pri Esperanto kaj konsilis sian legantaron partropeni en la konkurso malfermita de «Gazeta de Noticias» de Rio, por traduko de rakonto de nia fama verkisto Coelho Netto. Ni tie ĉi speciale dankas s-ron d-ron Nuno Baena, pro la vigla propagando de li farata kaj tial ke li bonvole enpresigis en tiu ĵurnalo grandan alvokon de Brazila Ligo al la grupoj esperantistaj de Brazillando.

—La 16$^{an}$ de Julio devis okazi kunveno de Norda Matena Stelo por balotado de nova estraro de tiu klubo La rezultaton ankoraŭ ni ne scias.

ŜTATO PARAHYBA. — Ni ricevis la jenan cirkuleron :

—Respektindaj Redaktoroj de «Brazila Esperantisto.»

Mi havas la grandegan honoron sciigi al vi, ke la 1$^{an}$ de Majo de la kuranta jaro estas fondita en ĉi tiu Ĉefurbo societo nomata «Brazila-Komitato-Esperantista» (B. Kom. E.), kiu celas pli efike disvastigi Esperanton en tuta nordo de Brazilujo.

La estraro de ĉi tiu nova societo estas balotita la 20an de la sama monato de Majo estante tiel organizata :

Prezidanto, Aladio Amaral ; Vicprezidanto, João Celso Peixoto: Internaj sekretarioj, Americo Montenegro kaj Manoel Martins; Kasisto, Firmiliano Pinho; Ĝenerala sekretario, Aurelio Tasso; Parolisto, Joel Pinto; Bibliotekisto, Adalberto Ramalho. Mi profitas la okazon por al vi sendi la esprimon de la solidarai sentoj de ĉiuj komitatanoj, kaj mi sincere al via bela ĵurnalo deziras sufiĉegajn rikoltojn da feliĉecoj. Kun la plej granda estimo, mi havas la honoron esti. Via tre humila kaj respektema servanto. *Aurelio Tasso*, Ĝenerala-Sekretario.

ŜTATO ALAGOAS — D-ro Arruda Beltrão, prezidanto de Alagôas-Esperanta-Klubo, kaj kiu ankaŭ prezidis nian lastan Kongreson de Petropolis, faris, post sia reveno al Alagôas, gravan paroladon pri Esperanto. La 11$^{an}$ de Julio, en salono de l' ŝtata kongresejo, ĉeestantaj la Prezidanto de l'Ŝtato kaj altrangaj sinjoroj kaj fraŭlinoj kune kun reprezentantoj de l' gazetaro, d-ro Beltrão elmontris profite kaj plene la celon de Esperanto kunligi frate la homaron, klarigante samtempe, la venkojn jam atingitajn de elpenso tiel grava kiel tiu de l'eminenta pola scienculo Zamenhof. La oratoro legis tekstojn en Esperanto kaj deklamis du belajn sonetojn de brazilaj verkistoj en Esperanto tradukitajn. La parolado multe plaĉis al la klera kaj nombra aŭdantaro, kiu entuziasme aplaŭdis la parolinton.

— D-ro Beltrão profitis la okazon por malfermi du kursojn, kiuj funkciadas marde kaj vendrede.

ŜTATO SERGIPE.— El letero de nia klera samideano D-ro Alcebiades Correia Paes ni elĉerpis la jenon:

«Esperanto iom progresas en Sergipe. En la urbo Larangeiras, unu el la plej grandaj de l' Ŝtato, fondiĝos tre baldaŭ, tuj kiam eniros la somero, klubo por la propagando kaj disvastigo de la lingvo internacia. Tion diris al mi letere Dro Pedro Garcia Moreno, kiu komencis lerni Esperanton antaŭ kelkaj semajnoj kaj jam estas valora esperantisto. Dro Moreno, kiu havas en Larangeiras duagradan lernejon, estas bela talentulo kaj sin dediĉas multe al lernado de lingvoj. Estas liaj kunbatalantoi en Larangeiras pri la esperanta movado fraŭlinoj Cecilia Curvello kaj Zizinha Guimarães, ambaŭ profesorinoj kun multe da lernantinoj.» Ni esperas ne atendi dum multe da tempo la sciigon pri la fondo de esperanta grupo en Laran geiras». — La agema grupo de Aracajù, kies prezidanto estas Dro Alcebiades Paes, donacis al Brazila Ligo la sumon de sm 33, 7. Dankon !

ŜTATO BAHIA,—Nia distinginda amiko d-ro Magnus Söndahl, kiu antaŭ ne longe sukcesis ricevi diplomon de profesoro aprobita kaj nun estas en Bahia, publikigis tre interesan artikolon infor man pri nia pasinta Kongreso de Petropolis, en «Gazeta do Povo». Sinjoro Magnus estis en Bahia delegito de la Organiza Komitato de nia 3$^{a}$ Kongreso.

ŜTATO RIO DE JANEIRO. — Esperanta Petropolisa Grupo donacis al B. L. E. la sumon de 100 spesmiloj, por subtenado de Brazila Esperantisto. Al tiu Grupo ni ĉi-tie tre kore dankas.

— Ni esperas baldaŭan fondon de Grupo virina en la bela urbo Petropolis, loĝejo de l' diplomatoj, dank'al klopodoj de fraŭlino Avany Baggi de Araujo. — La grupo de Petropolis ĉiam sendas reprezentanton al niaj monataj vespermanĝoj.

RIO DE JANEIRO. — Sro Honorio Rivereto skribis tre bonan delatan artikolon pri Esperanto en «Tribuna Espirita»,

—La Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista ricevis de l' Ĝenerala Direktorio de Industrio kaj Komerco, dankan leteron pro la alsendo de ĵurnaloj de Parizo, kiuj detale informis pri brazilaj kafo kaj mateo.

—La 8$^{an}$ de Julio okazis la monata vespermanĝo de l'tieaj samideanoj: Tiun-ĉi fojon oni invitis fraŭlinon Esther Pedreira de Mello, inspektorino de l'modelaj lernejoj, kiu estas nun forvora esperantistino kaj multe helpas al ni en la kursoj de l' lernejoj por knabinoj, ĉar ŝi multe interesas sin pri ili kaj ĉion faciligas al ni. La varbo de tiu Fraŭlino estis por ni tre grava tial ke ŝia ekzemplo estas sekvita de direktorinoj de l'modelaj lernejoj, sub ŝia inspektorado.

—*Tico-tico*,(ĵurnalo por infano.) publikigis ver

sojn kaj muzikon de «marcha internacional» de nia samideano Eustorgio Wanderley, kiu grandan sukceson havis en nia 3.ª Kongreso de Petropolis.

—Profesoro Domingos A. Gomes daŭrigas sian viglan propagandon en la ĉirkaŭurboj de Rio ĉiam publikigante informojn en *Noticia*, kie li estas kunlaboranto.

—Profesoro Carlos Porto Carrero sendis entuziasman leteron al Esperanto-Gazeto (speciala fako de *Gazeta de Noticias*), per kiu li elmontras sian simpation al Esperanto, kies lernadon li jam komencis.

—Grafo de Affonso Celso skribis artikolon pri la 6.ª Internacia Kongreso kaj la elekto de reprezentanto de l' brazila estraro por ĉeesti ĝin.

—Sro Oscar Costa komencis per la kolonoj de «Revista postal» kurson de Esperanto.

—Je la 3.ª de Aŭgusto kunvenis en la sidejo de l' brazilaj societoj esperantaj en Rio, la estraroj de Brazila Ligo, de Brazila Klubo, la konsilantaro de B.K.E. kaj la profesoroj aprobitaj por diskuti kaj ellabori projekton por la esperantaj ekzamenoj.

—Je la 4.ª de Aŭgusto, d-ro Backheuser malfermis en Pedagogium kurson por personoj ambaŭseksaj kiuj volas perfektiĝi en Esperanto kaj ricevi poste ateston de profesoro aprobita. Tiu kurso funkciadas jaŭdojn de la 3.ª 1|2 ĝis la 4.ª 1|2 vespere.

—La 21ªⁿ de Aŭgusto la belega insulo Paquetá, perlo de Guanabara, ricevis la viziton de multaj esperantistoj de Rio. Ili estis tie kore akcepititaj de ĝia loĝantaro. En la teatro Carlos Gomes, kiu sin ornamis por ilin ricevi sro João Bruno faris entuziasman saluton kaj antaŭdiris la venkon de Esperanto.

Respondis Dro Backheuser, kiu salutis la loĝantojn de Paquetá, kiuj tiel ĝentile gastigis la esperantistojn. Poste ili iris al la redaktejo de la ĵurnalo. «Paquetaense», kie ili estis denove salutitaj de sro profesoro Luiz Monteiro, kiu disponigis la kolonojn de tiu ĵurnalo al la propagando.

Respondis la saluton snr Alekso Fanzeres. Post gaja promenado tra la insulo, oni aŭdis belajn muzikaĵojn ĉe sro Miguel Bruno. Tiam sro Pedro Bruno, aŭdigis al la vizitantoj sian belan baritonan voĉon.

Ni esperas, ke tiu vizito estos la semo de estanta grupo.

Kiel rezultaton, ni esperas baldaŭan fondon de grupo esperantista de Paquetá.

—Ni jam informis ke estas kursoj de Esperanto en ĉiuj lernejoj-modelaj *(oficialaj lernejoj)* de Rio. En kelkaj el ili, la profesoroj aranĝis jam konkursojn, disdoninte diversajn premiojn.

La definitiva ekzameno okazos en la proksima Novembro kaj jam estas preta la regularo por ĝi.

La prezidanto de Brazila Ligo sendis informon al la Direktoro de Publika Instruado pri la diversaj premioj en Novembro disdonotaj, kromunu ora medalo kaj du arĝentaj, al la 3 unuaj plej distigindaj lernantoj. Sinjoro Direktoro tuj sciigis pri tio la direktorinojn de l' lernejoj kie funkciadas kursojn de Esperanto. Tiu sciigo kaŭzis grandan entuziamon inter la lernantaro.

ŜTATO MINAS GERAES.—Per helpo de plej altrangaj personoj de Juiz-de-Fòra, estonta sidejo de nia 4.ª Kongreso, fondiĝis tie grupo esperantista. Regas pro tio granda entuziasmo inter niaj tieaj samideanoj. Inter la nomoj de l' fondintaj anoj, ni legas kelkajn tre konatajn, kiel sinjoroj: d-ro Eduardo Menezes, (prezidanto de Akademio Literatura de Minas kaj konata kuracisto), Paulino Godolphim Bandeira (ĥirurgo-dentisto), d-ro João Lustoza (inĝeniero de la urbestraro), Luiz de Oliveiro (redaktoro de «Semana Commercial»), d-ro Benjamin Calvei (advokato), d-ro Eduardo de Menezes Filho (advokato), d-ro Ermogenes Dutra (kuracisto), José do Nascimento (ĥirurgi-dentisto), Joaquim do Nascimento (hirurgo-dentisto), Heitor Guimarães (redaktoro de «Pharol»), Oscar Perés (profesoro) Benjamin Muniz (komerca oficisto) kaj aliaj. — En Juiz-de-Fòra funkciadas nun du kursoj de Esperanto.

ŜTATO PARANA'. — *Physiòlatra*, monata revuo por propagando de Ortologiaj Idealoj baldaŭ publikigos kursojn de Esperanto. Ĝia direktoro, s-ro Luiz B. da Silva Bastos, scigas nin, ke li intencas fari specialajn eldonojn *nur* en Esperanto, por fremdaj landoj.

ŜTATO RIO GRANDE DO SUL.— Sinjoro Murillo Furtado donacis al B. L. E. la sumon de 34 spesmiloj. Ni fervore dankas tiun subtenanton de Brazila Esperantisto.

H. M.

## ESPERANTO INTER KRISTANOJ

La 3ª Nacia Kunveno de l'Asocioj Kristanaj de Junaj Viroj en Brazilio, kiu havis lokon dum la pasinta monato en Rio de Janeiro, aprobis unuvoĉe la jenan decidon: «Ke al la lokaj asocioj oni rekomendu enkonduki en iliajn noktajn kursojn la lernadon de la internacia lingvo Esperanto, jam akceptita kun granda sukceso en multaj eksterlandaj asocioj».

Tiu grava decido estis komunikita al Brazila Ligo Esperantista de la tre inda ĝenerala sekretario, Sro. Myron A. Clark, kiu estas tre simpatia al nia afero. Al li tuj sendis dankan leteron la prezidanto de Brazila Ligo.

# O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

INGLATERRA.—O mairé de Croydon acceitou a presidencia do grupo local.—O chefe de policia de Sulton foi autorizado officialmente por seus superiores a permittir que seus agentes frequentassem um curso de Esperanto.—Realizou-se em Junho, na cidade de Glasgow, o 5· Congresso escossez, ao qual compareceram 150 esperantistas.—Foi um verdadeiro successo o dia de Esperanto na exposição Anglo-Japoneza, tendo-se vendido mais de 1.500 bilhetes de entrada.

NORUEGA.—Abriu-se um curso para cegos em Christiania e fundou-se um grupo em Stavanger.—Na exposição de Bergen houve uma sala especial para os objectos esperantistas.

RUSSIA.— O Ministro da Instrucção, Sr. Svare, vae apresentar ao Parlamento (Duma) um projecto sobre o ensino obrigatorio do Esperanto nas escolas de 2· grão.—Realizou-se em S. Petersburgo o 1· congresso nacional, ao qual compareceram 700 esperantistas, entre os quaes o Dr. Zamenhof. Todos os jornaes publicaram detalhadas informações sobre o congresso.

POLONIA.—Lêmos no « Pola Esperantisto » : Assignalarêmos como um cazo muito interessante de reviravolta de opinião jornalistica a respeito do Esperanto, o artigo publicado recentemente no «Rola» (de Varsovia) sobre o Esperanto em geral e o Congresso Catholico em particular. Esse jornal, que até agora nos injuriava violentamente, aconselha hoje a todos os catholicos o estudo do Esperanto! Nunca poderiamos suppôr que o « Rola » se tornasse nosso amigo. Mas depois dessa conversão não devemos mais desesperar da imprensa. A victoria virá a seu tempo ».

FRANÇA.—Fundou-se em Armentiéres um grupo de moços com o nome de «Estonteco», o qual recebeu da Camara Municipal uma subvenção de 150 francos.—A Sociedade Françeza para a propaganda do Esperanto conta 5 federações e 108 grupos filiados e 4.927 membros,—O conselho municipal de Vichy autorisou officialmente ao director da Escola Paul Bert abrir um curso de Esperanto.—Abrio-se um curso na Escola Normal de Amiens.—O « Avenir Musical », orgão do instituto Chevé, abrio uma secção especial denominada « Sciigo pri Esperanto ».

BELGICA.—Ao congresso de Bruges assistiram 300 pessoas, das quaes mais de metade estrangeiros. O governo belga foi representado officialmente pelo barão Ruzette.—A Belga Ligo tem 26 grupos filiados. Durante o anno abriram-se 43 cursos e nelles inscreveram-se cerca de 800 alumnos.

ALLEMANHA.—O caracteristico actual do movimento esperantista no imperio allemão é o interesse que começa a manifestar pelo Esperanto o mundo commercial e industrial. As camaras commerciaes de Liegnitz, Schweidnitz e Kanel prometteram seu apoio á propaganda.—A cidade de Dresde conta 27 grupos esperantistas, entre os quaes um especialmente de empregados do correio com 65 membros.—Em Chemnitz 38 policiaes foram bem succedidos nos exames de Esperanto, aos quaes assistiram muitas autoridades policiaes.—Em Augsburg abrio-se um curso para policiaes com 58 alumnos.—O grupo de Hannover recebeu da municipalidade uma subvenção de 300 marcos.

AUSTRIA.—O Esperanto foi introduzido officialmente em uma escola commercial e em um instituto para cegos, de Praga.

BOSNIA.—Em principios do corrente anno fundou-se a primeira sociedade em Sarajevo, sob o nome « Stelo Bosnia », com 120 socios, cujo presidente é o Sr. Josep Ersilt, director do Gymnasio.

CROACIA.—Realisou-se em Zagreb a 21· assembléa geral dos esperantistas croatas, á qual compareceram delegados de muitos grupos das provincias.—Fundou-se a «Kroata Akademio Esperantista» e em Virovitna um grupo de propaganda.

PORTUGAL.—Abriram-se cursos na Associação Christã de Moços e no grupo esperantista de Lisbôa.—No Porto funcciona um curso dirigido pelo professor Accacio Lobo.

ILHA DE MADEIRA.—Graças aos esforços do Sr. Höveler e do Padre Schmiz, o movimento até agora fraco nessa ilha, começa a desenvolver-se. Já existem quatro grupos, dos quaes dois fundados recentemente em Camara de Lobos e em Porto Muniz.

HESPANHA.—Sua Magestade Affonso XIII acceitou a presidencia de honra da « Hispana Militista Societo ».—Foi nomeado delegado official do governo hespanhol junto ao 6· Congresso Internacional o Sr. Capitão J. Perogordo.—Com pezar communicamos o desapparecimento da antiga e bem conceituada revista « Suno Hispana », que se publicava em Valença.

ITALIA.—A municipalidade de Genova mostra-se sympathica á propaganda do Esperanto e poz á disposição da sociedade alli recentemente fundada, uma de suas escolas para conferencias e cursos. Nestes já se inscreveram mais de 100 pessoas.—A « Nazione » de Florença, noticiou com commentarios favoraveis ao Esperanto, a recepção feita a dois esperantistas bulgaros pelos *samideanoj* dessa cidade.

TURQUIA.—A associação esperantista de Constantinopla recebeu com grande sympathia a visita de 200 esperantistas da Rumania.

CANADA'.—Fundou-se uma sociedade esperantista em Vancouver. Auxilia a propaganda local a « Kristana Esperanta Movado ».

ESTADOS UNIDOS.—Segundo os telegrammas recebidos pelos jornaes do Rio de Janeiro, abrio-se a 15 de Agosto, em Washington, conforme annunciámos, o 6· Congresso Internacional de Esperantistas com uma assistencia de mais de um milhar de esperantistas. Conforme a praxe, pronunciou o discurso de abertura o Dr. Lazaro L. Zamenhof, que para assistir ao congresso emprehendeu a viagem de Varsovia aos Estados Unidos.

MEXICO.—Não tendo sido possivel fazer coincidir a realisação do 1· Congresso Nacional com o Congresso de Washington, por causa da data deste ultimo, foi substituido por uma grande festa esperantista que se effectuará em Setembro.

CUBA.—Fundou-se em Havana a « Kuba Societo » de cujo conselho director fazem parte dois professores da Academia Cubana e o Sr. Arambino, que actualmente exerce o cargo de embaixador de Cuba no Chile.—Fundaram-se novos grupos em Santa Clara e em Sagna la Grande.—Nota-se grande enthusiasmo em Guantanamo, Encrucijadas e Placetas.

CHILE.—Realisou-se uma reunião geral da « Chila Esperantista Asocio » para eleição da nova directoria, sendo reeleito o Dr. E. Fraga.—« La União », de Santiago, começou a publicar ás terça-feiras uma secção dedicada ao Esperanto, que está a cargo do esforçado esperantista Sr. Pedro Nagel.—Terá lugar de 15 a 20 de Setembro o 1· Congresso Esperantista Chileno, que coincidirá com a festa do centenario de sua iudependencia. Grandan sukceson !

AUSTRALIA.—Fundaram-se grupos em Kabra e em Wawich.—O ministro Kidston deu permissão para o uso do Esperanto na « Intelligence and Turist's Bureau » e o 1· empregado desse escriptorio já iniciou o estudo da lingua internacional.—Fundou-se em East Maitland uma sociedade denominada « Stelo de l'Oriento.—O Coronel Pollen fez uma serie de conferencias e visitou diversos grupos e em todos necontrou grande enthusiasmo pela propaganda.

*A. C. F.*



## *BIBLIOGRAFIO*

Ni ricevis kaj tre dankas:

*Vortaro de Esperanto* verkita de Kabe (Dro K o Bein) 1 vol. 175—paĝa, bindita: Paris, Hachette et C.e Prezo. Fr. 4

*Enciklopedia Vortareto Esperanta*, kun klarigoj en Esperanto kaj franca traduko, verkita de Ch. Verax, 1 vol. XVIII + 249 — paĝa, bindita. Paris, Hachette et C.ie Prezo— Fr. 6

Jen du gravaj verkoj, kiuj sin kompletigas reciproke, kaj tiel liveras kune la plej plenan kolekton da esperantaj vortoj kaj terminoj, ĝis nun aperintan.

*Lingvaj Respondoj*, aperintaj en la Revuo. Verkis Dro L. L. Zamenhof. 1 vol 30—paĝa; Paris, Hachette et Cie Prezo. —0, 75.

Nia majstro havis la bonegan ideon kolekti en formo de aparta broŝuro la respondojn lingvajn, kiujn li donis en *La revuo*. Oni facile, rapide retrovos tie ĉi klasigitajn, kun tabelo detala de la enhavo, la tiel ĝustajn konsilojn pri punktoj malfacilaj de gramatiko aŭ de stilo.

*La Devo*. Parolado de Ernest Naville, tradukita de René de Saussure, prezidanto de Svisa Esperanta Societo, kun portreto de l' aŭtoro — Librejo Kündig, 11, Corraterce — Genève.

*La Construction logiques des mots en Esperanto*, par Antido. Universala Esperanta Librejo, 10, rue de le Bourse, Genève. Prezo, fr 1.50

*Noto* pri la *Inicilo Matematika*. Ludo de kubetoj kunigeblaj faciliganta en familioj kaj lernejoj la praktikadon de la metodo prezentita en la verko «*Inicado Matematika*» de C.—A. Laisant, verkita de Jacques Camescasse. Librejo Hachette et C , Prezo Fr. 1.

*La Vizito en la Karcero*. Humoraĵo de Ernst Eckstein kun sep originalaj ilustraĵoj de G. Sundblad. El la germana lingvo tradukis *Rud Frericks*, Havebla ĉe Rud. Frerickis, Düsseldorf. Helmholktzstrasse 7. Allemagne. Prezo. Sm O, 30.

*Esperanto-Poŝkalendaro por 1910*. Iom mal frue aperas tiu-ĉi poŝkalendaro, al kiu oni povas doni la predikaton tre bona kaj rekomendinda! La enhavo (100 paĝoj) estas skribita en klasika modela stilo kaj kun vera plezuro ĉiu ,leganto ĝojos pri la riĉa literatura parto sekvanta al la kalendara kaj statistika parto. La prezo (1 Fr Sm.—0,40) estas neniel kara. Ricevebla estas la kalendaro de Fritz Stephan Leipzig, Molkestr 28 B.

*Gvidlibreto de «Le Creusot»* Eldonita france kaj esperanto. Esperanto-oficejo. 18, place Schneider, Le Creusot, France. Prezo Sm O, 30.

*La Vojo al Vero*, originale verkita en Esperanto de Stanislav Tomiĉ. Presa Esperantista Societo, 33 rue Lacèpéde, Paris. Prezo Sm 0, 40

*Kantu por mi*— La ario estas la mondkonata melodio de Edevin Greene kaj la traduko esperanten estas farita de Sinjoro G. L. Broevne. La kanto estas havebla ĉe Sno Philipps kaj Page. 5, Osford Market, London W. Anglujo.—Prezo—Sm 1.

*Literatura Almanako* de Lingvo Internacia por 1910. Presa Esperantista Societo—33, rue Lacépéde, Paris.

## NOVAJ GAZETOJ RICEVITAJ

**Revue Internationale des Congrès et Conférences,** publiée par l'office central des Associations internationales sous les auspices de la commission officielle de patronage des congrès et conférences de l'exposition de Bruxelles, avec la collaboration des secrétaires généraux des congrès, kun aldono en Esperanto. — Office central des institutions internationales, 3 *bis*, rue de la Régence. Bruxelles. Belgique. Jare, 15 fr.

**Mundus.** Echo international. Seslingva semajna revuo (Franca, Angla, Itala, Esperanta, Germana kaj Hispana). Via Nazionale, n. 152. Roma. Italie. Jare. fr. 20

**Voĉo de Farmaciistoj.** Internacia esperanta farmaciista revuo, oficiala organo de la Internacia Farmaciista Asocio Str. Zgoda 4. Varsovio, Polujo. Rusujo. Jare. 1 rublo.

**Vespera Horo.** Oficiala semajna organo esperantista por Germana Svisujo. Redakcio kaj Administrejo: Dro. Med. Uhlmann, Huttwil. (Bern). Suisse. Jare Sm 2,50.

**La Movado.** (Esperanto Nouvelles). Monata gazeto por propagando, informo kaj komerco. 96, rue d'Alésia, Paris, 14e. France. Jare. fr. 2,75.

## DIVERSAĴOJ

*Universo*. «Internacia Klubo de kolektantoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj». Sub tiu ĉi titolo fondiĝis antaŭ nelonge klubo, kiu celas flegi la sporton de la kolektado de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj kaj volas instigi la fabrikistojn de kartoj kun ilustraĵoj eldoni kartojn kun Esperanta teksto. La kotizaĵo estas duonjare 1 Franko (3/4 Sh., M.—75, Sm.—40). Ĉiu membro ricevas senpage belan monatan gazeton kun la adresoj de ĉiuj membroj. Ĉiu povas iĝi membro, la sola kondiĉo estas: la sola skribata kaj parolata lingvo estas Esperanto. Interesantoj ricevas tute senpage la statuton *kaj ekzempleron de la klubogazeto de la Sekr. Sro. Fritz Stephan en Leipzig, Moltkestr, 282.*

## KORESPONDADO

Sinjoro Jaroslav Breska — Boskovice (place 0), *Moravia*, Austria — sendas vidaĵojn de Brun — Prag, Vien.

Notu. — La enskribo en ĉi-tiu fako kostas $400, aŭ du respondkupojn internaciajn

## HELPABONANTOJ DE BRAZILA ESPERANTISTO

Foram os seguintes os *helpabonantoj* de Brazila Esperantisto durante o anno de 1909:

Brazila Klubo Esperanto, SROJ MURILLO FURTADO, EVERARDO BACKHEUSER, JOÃO KEATING, ALBERTO COUTO FERNANDES, J. B. MELLO SOUZA, LEONEL GONZAGA, HONORIO LEAL, EUSTORGIO WANDERLEY, HERNANI MENDES, EDMUNDO FELIX TRIBOUILLET, JOAQUIM T. ASSUMPÇÃO JUNIOR, MANOEL LUIZ CUIABANO E JOSÉ MARTINS DOS SANTOS FILHO.

Os *helpabonantoj* durante o corrente anno são mais os seguintes: Esperanta Petropolisa Grupo, D-RO REINALDO GEYER, D-RO ANTONIO CARLOS DE ARRUDA BELTRÃO, G. E. NORDA MATENA Stelo do Pará, JOÃO TEIXEIRA DE SIQUEIRA MAGALHÃES, D-RO ATALIBA AMARAL DE ARAUJO, JOÃO DUARTE DA SILVEIRA, D-RO ALCEBIADES CORREA PAES, D-RO OSCAR NAPOLEÃO GARCIA DE SOUZA, JOÃO ALFREDO DESIDERIO COMBAT, E D-RO TOBIAS R. LEITE.

A todos a Brazila Ligo agradece o valioso auxilio que por este meio nos prestam.

---

## *TARIFO POR ANONCOJ*

| | |
|---|---|
| 1 Paĝo | 20$000 |
| 1/2 « | 12$000 |
| 1/4 « | 7$000 |
| 1/6 « | 5$000 |

Por 2 foja anoncado rabato da 20%
Por 3 « « « « 30%
Por 6 « « « « 50%

---